# Germana Esperantisto

## Der Deutsche Esperantist

Aperas duonmonate en du alternantaj eldonoj: **Eldono A (Propagando), Eldono B (Literaturo).** — **Abonprezo por jaro:** por Germanujo 2,— Sm, (por eksterlando 2,250 Sm). Unu eldono aparte: 1,— Sm (1,125 Sm). — Provabonoj por kalendara kvaronjaro 0,250 Sm (0,300 Sm) por unu eldono.



Erscheint halbmonatlich in zwei abwechselnden Ausgaben **Ausgabe A (Propaganda), Ausgabe B (Literatur).** — **Bezugspreis für ein Jahr:** für Deutschland 4,— M., (für das Ausland 4,50 M.). Jede Ausgabe einzeln: 2,— M. (2,25 M.). — Probeabonnements für ein Kalenderquartal 0,50 M. (0,60 M.) für jede Ausgabe.

**Anoncoj:** Vidu tarifon sur la kovrilo. — **Anzeigen:** Siehe Tarif auf dem Umschlag.

**Alsenditajn artikolojn la redakcio laŭ bezono korektas. Nepresitajn manuskriptojn ni redonas nur, se oni aldonis poŝtmarkon por la resendo.**

9ª Jaro No. 5 B | **Redakcio kaj Eldonejo: Berlin SW. 68, Lindenstr. 18/19** | **Majo 1912**


**Enhavo:** 

## Vizio pri komuna administrado de la tero.

De sekreta konsilanto Prof. Dro Wilhelm Foerster, Charlottenburg.

En la jaro 1909 mi publikigis, kiel antaŭparolon, en la franca almanako „Association de la Paix par le Droit" kaj samtempe en la Berlinaj „Freisinnige Beiträge" artikolon kun proksimume sekvanta enhavo, kiu kredeble ankaŭ havos intereson por la esperantistoj pro ilia internacia celado. Mi prezentas tiujn ĉi demandojn kaj problemojn sub titolo „Vizio".

La konferenco de Haag (en 1908), al kiu ĉiuj ŝtatoj de l' mondo sendis delegitojn, jam klare vidigis, ke apud la bezono de internaciaj arbitraciaj institutoj ĉiam pli urĝa fariĝas la postulo kaj la inklino al komuna diskutado de la grandaj interesoj de la homaro ĝenerale.

La ankoraŭ ekzistantaj malperfekteco kaj nekompleteco de la arbitraciaj konvencioj devenas precipe de tio, ke la fortaj diferencoj inter la ekonomiaj interesoj kaj cirkonstancoj de la diversaj popoloj, akrigitaj per la komplikado de la limimpostoj, neeviteble kondukas al malfacilaĵoj kaj malkonsentoj, el kiuj povas rezulti pliakrigoj de la demandoj pri ekzistado kaj eĉ pli facile de tiel-diritaj demandoj pri honoro. Kaj ni ĉiuj scias, kiel rapide tiaj konfliktoj povas ŝveli ĝis la plej grava akreco kaj maldolĉeco, eĉ ĝis la plej sensencaj aperigoj de fantomoj, tuj kiam iu grupo da interesiĝantoj la fajron ekscitas, pikante la nacian honorsenton per publikigado de laŭcelaj prezentoj aŭ grupigoj de l' faktoj.

Kiam fine la noblaj homoj, kies profesio estas defendi la patrujon, kaj kiuj sincere soifas pri oferiĝo por ĝi, estas influe kaptitaj de tiu ekscito, tiam la tuta popolo psikopatie entuziasmiĝas por la milito kaj sekve la tuta arbitracia ideo fariĝas nur ridinda utopio.

Ju pli potence estas organizitaj en la diversaj ŝtatoj la komunaj interesoj de ĉiuj grandaj fakoj de la laboro, sendepende de la registaroj, des pli granda fariĝas la danĝero por ni ĉiuj. Cetere, la registaroj estas ofte dependaj de la militistaj elementoj de l' nacio. Tiuj elementoj, kiuj ankoraŭ superregas en la altaj sferoj de multaj ŝtatoj, havas profiton per la militoj kaj kompreneble estas ĉiam pretaj, kun granda fervoro proponi sian detrueman teknikon al la facile ekscititaj interesuloj sur la ekonomia kampo.

La kulto de la perfortaj agoj en altaj klasoj havas, kiel neeviteblan konsekvencon, la fanatikecon por perfortaj agoj en malaltaj klasoj, pro la instruoj pri egaleco, kiuj eniĝis profunde en la popolojn kaj pro la enpenetro tra la tuta socia organismo ĝis en la koro de la familia vivo, de la paroksismo de la sovaĝaj impulsoj.

Kontraŭ tiuj ĉiam kreskantaj danĝeroj ne estas alia savo ol la organizado de solidareco en la tuta ekonomia vivo de l' homaro, jam nun tiel malvaste kunigita per ĉiuj komunikiloj. La solidara organizo devas stariĝi, kvazaŭ *justitia distributiva*, sur la bazo de la plej vasta, konstante eksperimentanta kaj pliperfektiganta laboro scienca.

La internacia organizo de la grandaj labor- kaj interrilataj grupoj ankaŭ efikos por la registaroj de la diversaj nacioj, kvazaŭ liberigo kontraŭ la peza dependeco, ĉiam pli kaj pli trudata de la organizoj por naciaj profitoj. La aŭtoritato de l' internacia organizo super la ekonomiaj

potencoj en iliaj propraj landoj nur povas pligrandiĝi, se ĝi mem havas sur sia flanko, kiel intelektan, kunlaborantan kaj plenumantan organon de universalaj komunaj entreprenoj, la tutan altan aŭtoritaton kaj kompetenton de laboro kaj sperto sciencaj kune kun paciga delikatsento kaj senpartia justeco.

Kaj eĉ laŭ vidpunkto kaj profito de la militistoj malfermiĝos tute novaj horizontoj por vere homama agado kaj kontentiga vivcelado, per pli ĝenerala pritraktado de la grandaj taskoj de la homaro por la profito de l' spirita kaj korpa laboro sur la kampo de la universala esplorado kaj regado de la naturfortoj. Per tio estos ankaŭ pligrandigata la ĝojo de l' homo pro la sociala disciplino kaj plifortigata la efiko de la komunaj, kvazaŭ ritmaj klopodoj.

Komuna internacia agado precipe estos profitdona por ĉiuj koloniaj entreprenoj.

La laboristaro, kiu estas jam nun por la internaciaj evolucioj la plej komprenema kaj progresiga elemento, baldaŭ konstatos per tiu vojo pli altan antaŭpuŝon de la naciaj laborkapabloj kaj ĝi samtempe estos pli bone protektita kontraŭ la malbonaĵoj de malalta internacia konkurado, pro la plicertigo de la laborkondiĉoj. La konstantaj neantaŭvideblaj balancadoj de la tutmonda komerc-movado, kiuj precipe devenas de la avida profitemo de negocaj interesuloj, estas la plej granda malhelpo kontraŭ saĝe kalkulita partopreno de la laboristoj en la komercaj bilancoj.

La registaroj de la diversaj landoj faris la plej malfeliĉan paŝon sur la vojo al plifirmigo de la ordo en la interrilatoj, kiam ili eniris en la sistemon de la limdepagoj kun parte rezigneblaj kontraktoj, kaj tion ili faris kiel propraj profitemuloj kun plej maldelikata egoismo, preskaŭ simile al la malnovaj Vikingoj kaj rabkavaliroj. Tute same ili agis, kiam ili konsente cedis al la militarismo, pri la malnobla, senhonoriga spionado.

Sed la penado por kuracado de l' malbonaĵoj devenantaj de la limdepaga sistemo kaj de la organizitaj interesoj per enkonduko de la libera komercado, ne plu respondas al la nuna evolucia grado de la kultura vivo. Efektive montriĝas ĉiam pli klare, ke tie ĉi vera libereco ne povas elkreski el anarĥia arbitreco kaj el la tielnomitaj naturleĝoj de la ekonomiaj interŝanĝoj, ĉar tiuj ĉi estas regataj de la malalta batalo por la vivo. Vera libereco povas elkreski nur el pli alta kaj pli subtila reciproka dependeco inter la komunaj daŭraj potencoj de la anima vivo, en unuiĝo de la scienco de l' vero kaj justo, kun la nobla religia kulto de l' bono kaj belo.

Sed kiel povas fariĝi tia alta evoluo, pri kies idealo oni unue ridos, kiel pri absurda utopio, kiel ĝi povas elkreski precize el la tero de la plej akraj memprofitaj bataloj?

Kaj tamen oni jam parolas pri la fariĝo de altaj politikaj kaj ekonomiaj unuiĝoj de ŝtatoj kaj ŝtatgrupoj. Oni ekzemple parolas pri „Unuigitaj Ŝtatoj de Eŭropo“. Tiu ĉi penso estas certe kuraĝiga ŝtupo de politikaj esperoj, sed ni volas atingi ion pli altan.

Ni jam posedas ja „Interparlamentan Unuiĝon“ de preskaŭ ĉiuj kulturlandoj, kunkalkulante la amerikajn. Kaj ni posedas, laŭ modelo de la Universala Poŝtunuiĝo, jam preskaŭ duoncenton da internaciaj institucioj kaj organizoj de plene pruvita fruktoplena agado, al kiuj mankas nur centra kunligo de ilia laboro kaj la necesaj komplementoj kaj plivastigoj de ilia kunagado por formi la kernon, el kiu ĝermos la komuna administrado de la tero.

La plej taŭga formala superregado de tiu ĉi tuta organizo estus certe la Interparlamenta Unuiĝo, kun starigo de speco de „*Conseil central*“ (centra konsilantaro). Ĝi ja estos la plej bona kunligo inter la diversnaciaj registaroj por la laŭkontrakta financa fondado de la centra administrado kaj de la tuta organiza movado. La plimulto de la jam ekzistantaj centrejoj de internaciaj organizoj, kiuj estas precipe en Bern kaj en Bruxelles, jam nun estas dotitaj de laŭkontraktaj budĝetoj, sed multaj internaciaj organizaĵoj sciencaj, juraj, ekonomiaj konsistas ĝis nun nur el periodaj kongresoj, inter kiuj oni tre malmulte povas labori efike, tiel ke oni ĉiam pli urĝe bezonas laŭkontraktan fondiĝon de konstante laborantaj organizoj. Antaŭ ĉio tia fondaĵo devos klopodi por la internacia movado por edukado, kiu estas tiel gravega por la estonta administrado de la tero, kaj kiu nun ekstariĝas.

La pacifistaj societoj certe ankaŭ rekonos kiel sian taskon, fervore helpi en tiu ĉi tuta disvolviĝo, post kiam ilia ĝisnuna misio prepara estis kronata per la granda sukceso de la movado por arbitracia juĝado. Kaj la en Francujo kaj Ameriko efike organizita „*Conciliation Internationale*“ kun la devizo „*Pro patria per orbis concordiam*“ antaŭlumos al ĉiuj.

Sendube la publicismo kaj la librokomerco ne preterlasos sekvi la grandan fluon celantan al vastega organizado, kaj same agos la altsignifa movado, kiu celas la disvastigon de universala helpa lingvo, kunigante ĝin kun la fidela zorgo de l' homaro por la konservado de sia netaksebla kultura trezoro, kiu precipe dependas de la diverseco de la naciaj lingvoj kaj de popolaj literaturoj.

La grandaj kapitalistoj kaj iliaj laŭ multaj vidpunktoj tiel inteligentaj entreprenuloj rigardos tiujn ĉi viziojn unue kun malŝatema rido. Sed per pli atenta esploro ili ekvidos, kia grandega prospereco povas rezulti el nobla solidareco kun preciza kompreno de la utiligotaj potencaj fontoj de energio de la tuta naturo, kiujn oni povas

uzi en multe pli alta grado ol ĝis nun, per la sunaj efikoj kaj per la mikrokosma energio de la movadoj en la mondo de l' atomoj kaj de la elektronoj. Kiam ili tion ekvidos, tre baldaŭ la plej potencaj el tiuj entreprenuloj prenos sur sin la direktadon de la nova evoluo.

La antaŭvido de tiu prospereco ankaŭ ebligos forigi per boneco kaj altsento la malbonaĵojn de subita transira procedo, kontraŭe al la ĝisnunaj malperfektaĵoj kaj eraroj. Kaj se poste la estontеco malhelpos la malsanan troecon de la personaj potencaj superecoj, ĝi kompense donos al la direktantaj fortoj riĉegan anstataŭon per multe pli altaj feliĉosentoj, pri kiuj en la Harmonioj de la „Mondanimo“ de Platon aperis la unua antaŭsento. *Trad. B.*

---

## La glacimonto.

Skizo de Henry F. Urban.

La terura katastrofo, kiu trafis la vaporŝipegon „*Titanic*“, rememorigis al mi ĉi tiun efikplenan skizon de la konata german-amerika verkisto. Kelkajn tagojn post la katastrofo de la „*Titanic*“ mi hazarde trovis ĝin en „*Berliner Morgenpost*“, laŭ kiu mi ĝin tradukis kun afabla permeso de la aŭtoro.

Mi ankoraŭ devas rimarkigi, ke la germana originalo montras la fremdlandan akcenton de la eksterlandanoj ĉe iliaj germanlingvaj paroloj. Tion oni kompreneble ne povas redoni en Esperanto, sed ĝi tute ne estas grava kaj ne malhelpas la komprenon. *La tradukinto.*

Varma vespero julia. La maro nur malforte moviĝas. Nebulas, kaj tra la blanketa nebulaĵo intermite aŭdiĝas, ĉiam post paŭzoj de du minutoj, la malalta, soneganta, avertanta „Pfu — u — u — u!“ de la martrumpo de transatlanta vaporŝipo. Nun vidiĝas neklare ĝiaj konturoj, nigraj, kolosaj. Estas unu el la „grandeguloj“ de l' oceano. El la kamentuboj eliĝas malhelaj fumnuboj. Majeste ĝi bruveturas per malpliigita rapideco de 18 nodoj. Pro la nebulo. Ĉirkaŭ la akra antaŭkilo la akvo ŝprucas kaj ondiĝas kvazaŭ saposaŭmo. Ĉiuj elektraj lumoj brulas: la lumo alte sur la unua masto, la antaŭmasto, la lumo alte sur la dua masto, la grandmasto, la verda lumo dekstre sub la ŝipestra ponto, la ruĝa lumo maldekstre sub la ŝipestra ponto. Ĉiuj kajutfenestroj kaj ĉiuj fenestroj de la manĝosalono estas lumigitaj, ĉar estas la tempo de la tagmanĝo. En la manĝosalono, verda kaj ora, la servistoj, vestitaj per malhele-blua uniformo kun flavaj latunbutonoj, ĵus alportas la kafon. La orkestro de la ŝipmuzikistoj supre en la salono por sinjorinoj ludas la lastan muzikaĵon de la dummanĝa koncerto: *La Paloma.* Sopire, fajre sonas la melodio malsupren tra la larĝa malfermaĵo super la manĝosalono. Belaj sinjorinoj ĉe la brilantaj, blanke kovritaj tabloj balancas la kapon kaj ridetas, kiel ridetas la belaj sinjorinoj, kiam la muziko ĝemas pri amo. Pfu — u — u — u! kolere sonegas la martrumpo meze inter muzikon kaj babiladon.

Iom post iom la salono malpleniĝas. Kelkaj restas kaj sidiĝas ĉirkaŭ la fortepiano, kie la afabla Wien'ano kun la ridindaj nigraj lipharoj kantas per premita tenoro, komike-malagrable, kanton de Lassen. En angulo sidas apartiĝintaj la ĉarma juna polino kaj la poeto el Frankfurt apud Oder. La poeto tenas blankan folion da papero en la dekstra mano kaj legas:

Ach, durch meine dunkle Gasse
Mit den kalten, grauen Steinen
Und dem kalten, grauen Schnee
Kam die süsseste der Kleinen,
Klärchen, meine holde Fee.

Hat zu mir hinaufgelächelt,
Zu den alten, blinden Scheiben,
Wo ich stand, das Herz voll Weh — —
Dann verschwand im Strassentreiben
Klärchen, meine holde Fee.*)

Pfu — u — u — u! sonegas la martrumpo. La bela polino ridas.

„Sonas kvazaŭ mokante, ĉu ne?“ ŝi diras. „Sed antaŭ la daŭrigo de la legado bonvolu alporti al mi tason da teo.“

La poeto malaperas. En la fumsalono la germana bierfaristo el Meksiko batas sur la tablon kaj murmuras, havante malbonan cigaron en la maldekstra angulo de l' buŝo:

„Ĉiam eniĝu, kio havas krurojn!“**)

„Kion li celas?“ demandas la scivolema amerikano. Lia skatscianta najbaro klarigas al li la esprimon, kaj li diras: „Ha — — mi komprenas! Terure komike!“ Ne malproksime de tie sidas la kutima fanfaronisto de l' oceano kaj sciigas al rondo de aŭskultantaj oceannovuloj:

„Ĉu glacimontoj? Ridinde! Ne lasu vin mistifiki pri glacimonto! Ĉi tiu nun estas mia

*) Laŭvorta traduko:

Ho, tra mia malluma strateto
Kun la malvarmaj, grizaj ŝtonoj
Kaj la malvarma griza neĝo
Venis la plej dolĉa el la etulinoj
Klerhen, mia ĉarma feino.

Ŝi ridetis al mi supren,
Al la malnovaj malbrilaj vitroj,
Kie mi staris kun dolorplena koro — —
Tiam malaperis en la strata homamaso
Klerhen, mia ĉarma feino.

**) Vulgara esprimo ĉe la skatludo; ĝi signifas, ke la ludanto atendas bonajn kartojn por sia poento.

dek-dua vojaĝo, kaj mi neniam vidis glacimonton. Kaj se unu venas, ni ĉirkaŭveturas ĝin. Tre simple!"

Pfu — u — u — u! sonegas la martrumpo. Kaj konstante la ŝipego bruveturas tra nebulo kaj ondoj. Neniu estas sur la ferdeko. Estas tie tro malagrable. Proksimiĝas ankaŭ la tempo por dormi. Sur la ŝipo fariĝas solece, pli kaj pli solece. Nur sur la ŝipestra ponto, kiu laŭlarĝe transarkas la ŝipon antaŭ la kamentuboj, estas vivo. Tie, malantaŭ la balustrado, la ŝipestro kaj la unua oficiro seninterrompe iras de la dekstra flanko al la maldekstra kaj reen. En la angulo ĉe la dekstra flanko staras la tria, en la angulo ĉe la maldekstra flanko la kvara oficiro kaj streĉe rigardas tra la lornoj en la nebulan mallumon. En la direktilejo, kiu troviĝas meze sur la ŝipestra ponto, staras la direktestro ĉe la direktilo. Li fikse rigardas la kompason kaj seninterrompe turnas la direktilan radon, por restigi la ŝipon en la ĝusta direkto. Antaŭe, ĉe la antaŭkilo, staras la dua direktisto kaj rigardas senĉese en la nebulan mallumon. Supre, en la „observejo" sur la unua masto, staras la gardostaranto kaj rigardas senĉese en la nebulan mallumon. Malsupre, en la maŝinejo, la montriloj de la du telegrafaj aparatoj, kiuj estas interligitaj kun la telegrafaj aparatoj sur la komandejo, montras „atenton". Pro la nebulo. Pro tio ankaŭ kelkaj maŝinistoj staras tre proksime apud la aparatoj ĉe la returnilo, kiu regas la fortegan maŝinaron. Subite la ŝipestro restas staranta kaj diras al la unua oficiro:

„Jansen, ĉu plimalvarmiĝas, aŭ ĉu nur ŝajnas al mi tiel?" Jansen ĉirkaŭrigardas, kvazaŭ oni povus vidi la malvarmecon, kaj respondas: „Ankaŭ al mi ŝajnas, ke plimalvarmiĝas!"

El la dekstra flanko la tria oficiro diras: „Plimalvarmiĝas frapante!"

Jansen direktas sian ekzamenantan rigardon sur la termometron ĉe la direktilejo, dirante: „La termometro malleviĝas rapide!"

La ŝipestro apudiĝas al li, same la tria oficiro. Ĉiuj tri rigardas la termometron.

„Malleviĝis jam 6 gradojn!" diras Jansen.

„Pro diablo!" diras la ŝipestro. „Tio povas esti nur glacimonto! Ĉu vi ne vidas ion, Karsten?"

Karsten, la tria oficiro, ree jam serĉas per la okulo norden en la nebulo.

„Mi vidas nenion!"

Je tiu tempo la glacimontoj el nordo flosis suden.

„Alvoku la gardostaranton en la observejo!"

Karsten ekprenas la paroltubon kaj alvokas la gardostaranton tie supre. Tra la paroltubo la gardostaranto respondas, ke li nenion vidas.

„La termometro montras tri gradojn super nulo!" anoncas Karsten.

Ĉiuj lornoj sur la komandejo estas direktitaj norden. Pfu — u — u — u! avertas la martrumpo malproksimen tra la nebulo. Kaj kvazaŭ mokante pri la averto, nun subite vidiĝas el la nebulo teruranta, giganta monstro. El nordo, antaŭ la antaŭkilo, ĝi alproksimiĝas al la vaporŝipo, senbrue, neretenеble, kun aspekto fantome blanka kaj elspirante la glacian malvarmon de l' morto. Proksimume 600 futojn ĝi superstaras la akvon, larĝa kaj masa, kaj certe, kiel kutime, ĝi etendiĝas ankoraŭ je sep okonoj sub la akvo. Antaŭe, proksime super la akvo, ĝi montras grandegan kavaĵon. La supra parto estas grandega pinto, antaŭenpendanta ĝuste en ŝipalteco. Se tiu ĉi pinto trafas la vaporŝipon, ĝi premas ĝin sub la akvon kiel paperan boateton, kiun la infanoj veturigas sur la akvo de lavvazo. Tiam ĉio estas perdita. En malmultaj sekundoj. Kaj 2000 personoj estas sur la ŝipo, inkluzive la ŝipistaron!

„Glacimonto dekstre!" sonas la voĉo de la gardostaranto tra la paroltubo el la observejo. La voĉo aŭdiĝas ion superhoman, fantoman. Pri flankenturno oni ne plu povas pensi, tion vidas la ŝipestro. Jam li estas ĉe la plej proksima telegrafa aparato. Li rapide turnas la levilon kaj la montrilo montras al „Plenforte malantaŭen". La plej proksima maŝinisto rapidegas al sia aparato, legas la komandon, retelegrafas por certigo al la komandejo, kie la elektraj sonoriloj bruas en la telegrafaj aparatoj. Poste li ĵetturnas la levilon de la returnilo kaj bruante kaj muĝante la potencaj ŝraŭboj sin movas returnen, malforta tremado trakuras la grandegan ŝipkorpon. Palaj kaj senmove staras la maŝinistoj. Kio okazis? Kio okazos? Kiam venos la surdiga krakego? Kiam la salaj ondoj enfluegos en la maŝinejon, barante sub la akvosupraĵo ĉiun eliron por la maŝinistoj? Ankaŭ supre sur la komandoponto ili staras palaj kaj senmove, kvazaŭ la malvarmego, kiun eligas la fantomo tie antaŭ ili, estus glaciiginta ilin ĉiujn. Pala kaj senmove staras la gardostaranto en la observejo, la dua direktisto ĉe la antaŭkilo, la direktisto ĉe la direktilrado, kiun li tenas per fera mano, iom turnante ĝin suden, for de la fantomo. Ili estas kunpremegintaj la dentojn. Kvin minutoj pasos, tion ili scias, antaŭ ol la ŝipego obeos al la ŝraŭboj kaj iros returnen. Ĝis tiam ĝi iros antaŭen, puŝata de la fortega postefiko de la veturrapideco. Ĉu en la manĝosalono ne iu ludas „Post la forno sidas muso" de Lincke? Unu minuto! — — Du minutoj! —

„Ĵus forveturinta!"*) diras la bierfaristo en la fumsalono, kaj la amerikano denove deziras scii: „Kiu estas forveturinta?"

La poeto en la manĝosalono alportis al la bela polino la tason da teo kaj daŭrigas la legadon:

*) Esprimo ĉe skatludo, signifanta, ke la ludanto atutas la poenton pro manko de aldonebla karto.

Doch ein Wunder ist geschehen
Gerade wie in lieben Märchen:
Ueberall, wohin ich seh',
Sprossen Rosen hinter Klärchen,
Klärchen, meiner holden Fee.*)

Tri minutoj! — Fariĝas pli kaj pli malvarme, pli kaj pli malvarme. Pli kaj pli alproksimiĝas la glacia koloso, terura en sia minacanta glacia fantomeco. Ĝi ŝajnas plenigi la tutan oceanon, la tutan ĉielon. Oni vidas nenion alian. De la komandejo, el la direktejo, el la observejo, de la antaŭkilo sep okulparoj el palegaj vizaĝoj fikse rigardas la gigantan monstron tie antaŭ si. Sep koroj ĉesas bati. Nun devas veni la alpuŝego — — nun — — nun! La viro en la observejo fermas la okulojn. La direktisto ĉe la antaŭkilo flankenturnas la kapon kaj retenas la spiron. En la manĝosalono la bela polino ridetas, kaj la poeto legas la lastan strofon:

Ranken sich um Stein und Mauer,
Wachsen auf bis zu den Lüften,
Wachsen, wo ich steh' und geh' --
Und mich grüsst in tausend Düften
Klärchen, meine holde Fee.**)

Kvin minutoj! — La ŝipo haltas. Malrapide ĝi komencas iri returnen. Iom pli rapide. Ankoraŭ pli rapide. La distanco inter la fantoma, grandega monstro kaj la ŝipo pligrandiĝas. Ankoraŭ la ŝipo povas esti ekpuŝata de subakva elstaraĵo de la glaciego. Sed ĝi malproksimiĝas, ĝi preterflosas, ĉiam ankoraŭ minacante, ĉiam ankoraŭ terura en sia rigida grandegeco. Kiel Goliat sur David ĝi rigardas sur la mizeran „nuksoŝelon". Nun ĝi jam estas je la maldekstra flanko. Ankoraŭ pli suden ĝi flosas. Kaj nun ĝi malaperas en la blanketan nebulaĵon, el kiu ĝi venis. Jansen profunde enspiras. La ŝipestro diras: „Preskaŭ!" Li deprenas la ĉapon kaj forviŝas de sia frunto la malvarman ŝviton. Tiam li iras al telegrafaparato kaj telegrafas al la maŝinejo „Plenforte antaŭen!" Car la nebulo heliĝas. En la maŝinejo ili profunde ekspiras. La rigideco de la vizaĝmuskoloj malaperas. La certigo de la komando revenas al la ponto. Ree la potencaj ŝraŭboj sin turnas en kontraŭa direkto. La direktisto ĉe la dekstra flanko rektigas la ŝipon en ĝian vojon. Dikaj fumnuboj eliĝas el la kamentuboj. Bruante la ŝipego denove rapidas tra la maro. Ĉirkaŭ la akra antaŭkilo altenspruĉas la blanka ŝaŭmo. La termometro leviĝas. La martrumpo ankoraŭ unu fojon faras: Pfu—u—u—u! Poste ĝi silentas. Pli kaj pli heliĝas. Jam kelkaj steloj estas videblaj alte sur la ĉielo. Fajfsignalo sur la ponto revokas la direktiston ĉe la antaŭkilo. La direktestro ĉe la direktilrado ekprenas la sonorilŝnuron super si kaj batigas ses fojojn la sonorilon ekstere ĉe la direktejo. „Bim—bim, bim—bim, bim—bim!" sonas la sonorilo. Antaŭe, en la observejo sur la antaŭmasto, la gardostaranto respondas, unu tonon pli malalte, ses fojojn per sia sonorilo: „Bam—bam, bam—bam, bam—bam!" Estas ses „Glasen" laŭ la marista idiomo — — la dek-unua laŭ la kontinenta tempo. Kaj la viro en la observejo pririgardas per sia akra okulo la lumojn alte sur la antaŭa kaj la granda mastoj, la verdan lumon dekstre kaj la ruĝan lumon maldekstre de la ŝipestra ponto. Poste li krias al la ponto per longigitaj sonoj: „Lumoj bru-las, ĉi-o bo-o-on-a-a!"

„Amen!" diras la ŝipestro kaj foriras salutante de la ponto.

„Servisto, alportu al mi ankoraŭ unu glason da „Minŝner!" diras la amerikano en la fumsalono kaj oscedas. Li celas München'an bieron. „Terure enuiga estas tia vojaĝo — — ĉu vi ne havas la saman opinion!" li demandas la bierfariston el Meksiko.

„Neniel, se oni scias skatludi," tiu respondas. „Karoo nomiĝas la hundo!"*)

„Kia hundo?" demandas la amerikano. Oni intence ne aŭdas lin. Lia demandado fariĝas teda.

Malproksime en sudo malaperas io blanka, kio aspektas kiel sendanĝera nubo.

*Trad. F. Ellersiek.*

*) Sed miraklo okazis
Ĝuste kiel en ravaj fabeloj:
Ĉie, kien mi rigardas,
Burĝonas rozoj post Klerĥen,
Klerĥen, mia ĉarma feino.

**) Volverampas ĉirkaŭ ŝtono kaj muro,
Elkreskas alten en la aeron,
Kreskas, kie mi staras kaj iras —
Kaj min salutas en mil odoroj
Klerĥen, mia ĉarma feino.

*) T. e.: Karoo estas atuto.

## La deziro de l' koro.

De Pastro Lindesay Thomas.

Ŝi ludis Mozart'on — gracia, knabina figuro, vestita per pala, silke luma, verda ŝtofo, kaj kronita per gloraĵo de Titian-koloraj haroj. Tra la ĉarma melodio, gaja, brileta, sentoplaĉa, tremetis la kanto de la alaŭdo, la lumo sur la ondo, la rido de infaneto. Sybil dancas kun la feoj kaj feinoj en la lunlumo. Ŝi aŭdas subparolojn de la magiaj akvoj, fluantaj tra la valoj de eterna printempo.

La voĉo de ŝia edzo disblovis ŝiajn araneaĵajn revojn. Ĉu ŝi jam superkovris ‚La Serioza Voko' de Law? „Tiu libro faros pli da bono al Dick, ol Dick farus al la kovrilo," li diris.

Paroĥestro Codbold pastris nemultajn homojn en angla vilaĝo, kaj pastris ilin bone. Krom ili, li pripensis malmulton.

En braksego li ripozis kun okuloj fermitaj, de tempo al tempo malfermante ilin por rigardi Sybil'on — tiam lia negaja vizaĝo heliĝis per la lumo de amo.

Surde por la bezonoj de ‚La Serioza Voko‘, Sybil komencis kanti malpezan arion teatran. La pastro estis mirigita.

„Sybil! Sybil!“ li ekkriis, „pripensu la geservistojn. Ĉu oni ne povas kanti ‚Konsolu Vi‘? Antaŭe vi ludadis je dimanĉoj Händel kaj Mendelssohn!“

„Sensukaj tedaĵoj!“ ŝi kantis per ravaj notoj. „Ĉu vi ne ŝatas tiun kanton, Henriĉjo? Ĉu mi kantu ‚La Gaja Paruo‘?“

„Sanktaj kantoj por sanktaj tagoj, karulino. Antaŭe vi neniam ludis teatran muzikon je dimanĉo. Kia malĝojiga ŝanĝo! Kiel estas la rafinita oro —“

Bruege fermiĝis la fortepiano. La kantintino faris dancon kvartaktan. Ŝia buŝo esprimis la serenan kontentecon de serafo, sed la diabletoj de petolemo elrigardis el ŝiaj brilantaj okuloj. Ŝi trovis la protestojn de la parohestro tre kuraĝiga akompanaĵo. Fine la brilanta papilio lokiĝis sur la genuon de sia edzo.

„Ni pasigu bonan tempon, Henriĉjo,“ ŝi diris, kaj ridis, kiel rivereto en Junio. „Ni ŝajnigu, ke mi estas katidino.“

„Ne bezone estas ŝajnigi,“ li respondis kun sia melankolia rideto. „Sed mi devas pripensi mian predikon. Mia temo estas el ‚La Lamentoj‘.“

„Iĥabod!“ ŝi ĝemis. „La funebraĵoj estas ankoraŭ ĉe ni. Kiel gaja ĉio ĉi tio estas! Lamentoj kaj ploroj en la domo, kaj pluvo kaj nebulo ekstere. Ĉu mia robo plaĉas al vi, Henriĉjo?“

„Tre bone,“ li diris, senpense.

Ŝi sentis sin senentuziasmigita.

„Kiel longe liaj prizorgitoj devos sidi en sakaĵoj kaj cindroj? Kial li ne faras vivoplenajn predikojn, kiel faras S-ro Milton, la subpastro?“ ŝi demandis.

„Jeremio ne konvenas por viveco,“ diris kolerete la parohestro, „kiel vi povas atendi ĝin?“

„Mi ne atendas ĝin,“ ŝi respondis, subpremante oscedon, „sed kial ĝeni sin pri la homo?“

Li memorigis al ŝi, ke ‚la homo‘ estis inspirata.

„Jes,“ ŝi kriis, „per sengajeco.“

Ŝi rigardis lin kun neserioza atento.

„Efektive,“ ŝi ridante diris, „vi similegas tiun lian bildon en via studejo.“

„Mi dezirus, dezirus, ke tio estu vera,“ li diris fervore.

„Mi dezirus, dezirus, ke tio ne estu vera,“ ŝi rediris kolere. „Mi ne sentas min modelita por la rolo de edzino de Jeremio.“

Tiam, kun subita ŝanĝo de mieno, ŝi metis siajn brakojn ĉirkaŭ lian kolon, karesante lian vizaĝon per la sia.

„Kial vi ne povas esti gaja, Henriĉjo?“ ŝi diris petante. „Mi estas nur dudekkvin-jara; mi sopiras pri iom da gajeco. Mi kredas ja, ke vi estas la viro sen rideto. Ridu, Henriko!“ kaj ŝi tiris liajn lipojn disen. „Ho, kiel terure teda ĉio estas!“

„La tedeco de la dimanĉo,“ li diris predike, „la malvarmeco de la preĝejo, la maldolĉeco de la muziko — nu — kio estas ĉio tio? Sensignifaĵoj tiel senpezaj —“

Sybil salte stariĝis.

„Jes, por vi,“ ŝi ekkriis kun varmeco, „sed mi — mi volas ĝui, mi volas vivi. Tiu ĉi senviva, senŝanĝa, senplezura ekzistado, ho, kiel ĝi naŭzas min! Mi petas pri peco da pano, kaj vi donas al mi ŝtonon — la ravan eksciton de Kunveno por Patrinoj, aŭ la ekstazon de prediko pri la Lamentoj!“ Ŝi pasie ekploris. „Mia juneco forrapidas,“ ŝi balbutis maldolĉe, „— elrustiĝas en tiu ĉi malagrabla vilaĝo — ne uzate kaj ne ĝuate.“

„Vi ne devas esti malkontenta, karulino,“ li diris, karese frapetante ŝian ŝultron, „vi devus elnombri viajn benaĵojn.“

„Petu al kaptita alaŭdo, ke ĝi elnombru siajn benaĵojn,“ ŝi kriis brue.

„Nu, mi devas foriri. Ĝis revido, Sybil.“

Ŝi admonis lin, forlasantan la ĉambron, ke li rajdu singardeme. „Vi estas tiel terure senzorgema,“ ŝi diris.

„Ne bezone estas maltrankviliĝi pri mi.“

„Ho ne,“ ŝi respondis, „mi pensis pri la ĉevalino.“

Pastro Godbold devis prediki en sia dua preĝejo, malproksime tri mejlojn de la pastrejo. Lia ĉevalino estis alkondukita. La vilaĝanoj miris, ke tia serioza viro akiris tian viglan ĉevalinon. Nun ĝi dancis valse. Ĉirkaŭen sekvis la parohestro kun maljuneca malvigleco. Li ne estis konstruita konvene por la dancado!

Jameso, la grumo, maĉas pajleron, flegme. Fine lia mastro sukcesis rampi sur la selon, kiel knabo suprenrampas muron. Kun la lasta parolo de sia edzino, kiel venena sago, mordanta en lia koro, li forrajdis en la nebulan novembran pluveton kaj malaperis.

Sybil observis la sinmovojn de sia edzo kun amuza malestimo. Ribeloplenaj estis ŝiaj profunde grizaj okuloj kaj ruĝaj lipoj. Kio posedis ŝin, ke ŝi edziniĝis kun pastro? Ŝi, kiu amis pli ol ĉiuj aliaj virinoj la ĝuon de la vivo! Kial la sorto flosis ilin en la senmovan flankakvon de vilaĝa vivado? Ŝi batis senpacience per la piedo. Por distri siajn pensojn ŝi ekludis Beethoven, sed la pulsantaj harmonioj nur incitis ŝiajn dezirojn kaj bedaŭrojn ĝis doloranta eksciteco. Per koloroj nokte nigraj ili pentris por ŝi la estontecon —

ŝia edzo — figuro, malĝoja kaj severa, ĉiam malluma en la antaŭaĵo.

„Ekzistas por mi nenia ĝojo," ŝi spirĝemis, „escepte — escepte —"

Juna, blondhara viro eniris la ĉambron. La suno jam ekbrilis, kaj Sybil aŭdis la kantadon de la birdoj . . .

„Kiel prosperis la matena Diservo hodiaŭ?" ŝi vigle demandis la subpastron, „mi ne sentis min sufiĉe sana por veni."

„Abomene," respondis Milton. „Voĉoj, kvazaŭ pavianoj babilaĉantaj inter la arboj: mia prediko interrompita, subridantaj junulinoj —"

„Kial la subridado?"

„Tiu idiotulo Barnham —"

„Mi scias," ŝi kriis kun ĝuo, „la premiinda idiotulo — li estas tute ĉarma — la sola komikaĵo en la vilaĝo."

„La malsaĝulo saturis sin per biero. Kiam mi predikis, li ronkadis kiel porkaro."

Sybil kunbatis la manojn pro ĝojo. „Ho, kiel mi ŝatus esti tie," ŝi kriis, „sed ĉiam amuzaĵoj okazas en mia foresto. Kion vi faris?"

„Mi haltis en la prediko, kaj kriis, ‚Vekiĝu, Charley!' Nenio okazis. Tiam mi petis, ke lia proksimulo veku lin. Harry puŝis lin inter la ripoj. ‚Nu, kio fariĝis?' blekis la ebriulo. ‚Vi dormis kaj ronkadis,' mi diris. Tiam mi daŭrigis mian predikon."

„Bone farite," ŝi ekkriis, „Henriĉjo estus senlime konfuzita."

„Ho, eble ne. Li estas iom nerva, sed malbona farto estas lia sola malbonaĵo."

„Kio estis via temfrazo?"

„‚Kaj Li donis al ili laŭ la deziro de iliaj koroj,'" li respondis signifoplene, satigante siajn malhelajn subtilajn okulojn je ŝia ĉarma vizaĝo. „Ŝajnis al mi, ke mi rigardas en tiujn profunde grizajn okulojn, kiam mi verkis tiun predikon."

Ŝi forturnis la vizaĝon. Tiam, kun tremanta rido, ŝi diris, „moralisto apenaŭ aljuĝus al vi senriproĉan bonmorecon, S-ro Milton. Kaj vi forgesas, kiamaniere la teksto sin daŭrigas — ‚sed Li sendis malgrasecon ankaŭ en iliajn animojn.' Sed tio estas malgajiga. Ĉu vi scias, ke Henriko estas tre ĉagrenita pri vi?"

„Ĉu vere?" demandis la subpastro, seninterese.

„Jes. Kiam S-ro Webb alvenis hejmen hieraŭ vespere, lia edzino brue fermis la pordon kontraŭ li. Ŝi pensis, ke li estas fremdulo! ‚Via junulo,' ŝi diris al Henriko, ‚tute elbatis mian Bill.'"

„La vizaĝo de Bill," ridis la subpastro, „estas fermita por rekonstruado kaj riparado. Li agis kruele kontraŭ knabeto."

Ŝiaj okuloj superglitis lian figuron kun admiro.

„Vi estas ‚tute' forta," ŝi diris.

Ŝi estis prava. Tipa atleto, ĉefulo en la remista oko de sia universitato, — lia forto estis tiu de virbovo. Jen estas tio, kion la virino adoras, — la forto!

„Bill laboras ĉe S-ro Barrett en Stondon, ĉu ne?" demandis Milton.

„Jes," diris Sybil, ruĝiĝante malkomforte. „En tiu familio mi estis guvernistino. Tiuj kompatindaj infanoj! Kiam mi rakontis al ili la malnovan historion pri Clarence, dronigita per vino de Malmsey, mi ĉiam pensis pri ilia ebria patro, dronanta per viskio. Tage kaj nokte li drinkis, drinkadis. Vi konas lin, ĉu ne?"

„Jes, la vilaĝanoj nomas lin Satano."

„Ne komplimente por Satano," ŝi negaje respondis. „Mi malamegis lin pro lia drinkado, sed — sed —"

Emocio sufokis ŝian voĉon. Post momento ŝi daŭrigis malfacile —

„La besto amindumis min — pah! Lia edzino sciiĝis pri tio, kaj — bona ĉielo! — divenu, kiel li senkulpigis sin."

„Kiel?" li demandis, forte interesite.

„Li diris al sia edzino, ke mi, per la okuloj, amindumis lin!"

„Mi tordos al la kanajlo la kolon, kiam mi denove renkontos lin," diris Milton sovaĝe.

„Ho! kiel li naŭzas min," ŝi daŭrigis. „Kaj ŝi, virino, admonis min, ke mi estu pli sindetena! Mi sentis min malpurigita de ŝi. Se mi tiam havus la forton, mi sentus min kapabla sufoki ilin ambaŭ. La memoro turmentas min ankoraŭ. Ĉu vi ne kompatas min, S-ro Milton?"

La subpastro leviĝis, kaj netrankvile trapaŝis la ĉambron. Li ne povis fidi sin mem.

„Sed Henriko savis min de ili. Mi devus esti pli dankema al li."

„Sendube lia dankemo sufiĉas por vi ambaŭ," li respondis ironie.

Bruis ekstere la vento kaj pluvo. En momenta paŭzo oni ekaŭdis la sonon de hufoj, kaj la laŭtan plendan voĉon de Jameso.

„Kio okazis?" kriis Sybil, nervece.

La pordo malfermiĝis, kaj kompatinda figuro vidiĝis. Estis la malfeliĉa pastro. Li estis kovrita per koto de kapo ĝis piedo, kun vizaĝo kaj manoj gratitaj kaj sangantaj, rajdopantalonoj ŝiritaj ĉe genuo! Ili ambaŭ estis tro mirigitaj por paroli.

„Mi tre bedaŭras, karulino," li ekdiris, „sed —"

„Vi faligis la ĉevalinon," kriis Sybil, pala pro kolero, „kaj rompis al ĝi la genuojn!"

Apenaŭ aŭdataj klarigoj pri la okazintaĵo sekvis. Kolero fortenis ŝian kompaton pri li.

„Kiam vi lernos rajdi, Sinjoro?" mokis la subpastro kun malgranda respekto.

„Neniam! S-ro Milton," kriis Sybil flame. „Neniam. Vi malaminda Henriko! Mi volis morgaŭ veturigi Jenny al la urbo."

„Mi tre malĝojas, karulino," li respondis mizere. Li proponis preni kviete tason da teo en lia stud-

ejo. „Mi estas iom skuita de la falo," li diris, „mi esperas, ke vi forpermesos min, Milton."

La respondo enhavis sufiĉan konsenton.

Sybil iris al la studejo. La aspekto de ŝia edzo ektimigis ŝin. La lumo de la fajro heligis lian noblan vizaĝon, malkaŝante la mortsimilan palecon, la kontuzojn, kaj la doloron. Sendenta maljuna hundo, lia konstanta kunulo, kuŝis antaŭ la fajro, observante lin per zorgemaj okuloj.

„Trankviliĝu, Henriko," ŝi diris, karesante liajn harojn, „jen estas por vi taso da teo."

„Kompatinda Jenny!" li subparolis, „kia malsaĝulo mi estis lasante ĝin fali."

Ŝia konscienco pikis ŝin. Li petis forte, kvankam silente, pri kompato — la homo, kiu savis ŝin de servutlaboro — kiu amas ŝin kiel la lumon. Ŝi prenis lin en la brakojn, kaj ripozigis la dolorantan kapon sur sia brusto. Tiel ŝi konsolis lin — kaj forlasis lin!

Tiamaniere ŝi preparis al si la longan brulantan sinriproĉon de sia vivo.

Ŝi trovis la subpastron ridanta super gazeto de humoraĵoj. Ŝi esprimis grandan zorgon pri sia edzo.

„Li maljuniĝas tre rapide," estis la indiferenta respondo.

„Jes," ŝi diris duonkonscie. La kontuzita, laca vizaĝo, kun sia kompatinda alvoko, persistis en ŝia memoro.

Milton, starante antaŭ la fajro, trankvile ekbruligis cigaredon.

„Mi esperas, ke vi sentas vin hejme," ŝi diris, sarkasmete.

„Certe," li respondis, enverŝante al si kvaran tason da teo.

„Li estas tro maljuna por vi," li diris senceremonie, „multe tro maljuna."

„Ĉu tio koncernas vin?" ŝi kriis kun flamantaj okuloj. „Vi estas tre impertinenta."

Prenante libron, ŝi ŝajnigis legi; sed ankoraŭ ŝi vidis la palan vizaĝon en la studejo.

„Mi nur deziras, ke vi estu feliĉa," diris Milton. Sur la kamenbreto, platnazulino vidigis sian malbelecon.

„Ho, vi belulino!" li kriis al la fotografaĵo.

„Kiu estas?" demandis Sybil.

„F-ino Ramsey; vi ofte vidas ŝin, ĉu ne?"

„Ne, certe ne; ni tute ne estas intimaj."

„Sed mi scias, ke ŝi ofte venas al la pastrejo."

„Ŝi venas al la pastrejo por konfesado."

La subpastro tusis dubeme.

„Kial vi ne parolas malkaŝe, kiel viro," ŝi diris, senpacience. „Ĉu vi efektive kredas, ke Henriko donas atentojn al tia sengustulino?"

Li signifoplene rigardis ŝin.

„Atentojn!" li ridaĉis.

„Ha! sed tio estas monstra ideo!" ŝi kriis, forĵetante la libron. „Henriko malfidela al mi! Kaj vi — vi — kuraĝas kalumnii lin antaŭ mi! Vi falsa amiko."

La subpastro ne respondis: li estis kontenta. La semo de ĵaluzo ĝermis.

Dum Sybil malgaje rigardadis en la fajron, li observis ŝin. Ŝia beleco ravis, sklavigis lin. La riĉa hararo, kun sia ruĝa rebrilo; la buŝo kun siaj dolĉaj, infanaj kurboj; la grizaj okuloj, kies lumaj profundoj reflektis la dancantajn flamojn — ĉiuj ŝiaj multspecaj ĉarmoj, batante ĉe liaj sentoj, faris al li pasian alvokon. Li jam ne prokrastos plu. Iliaj okuloj renkontiĝis per unu longa, serĉanta rigardo.

Tiam rapide, kiel abelo al floro, li iris al ŝia flanko. Li ekkaptis ŝian manon.

„Karulino," li subparolis, „mi amas vin — mi amas vin."

Momenton ŝi ŝanceliĝis: tiam ŝi perforte liberigis sin.

„Vi nur amas mian aspekton," ŝi kriis; sed la malluma magneteco de liaj okuloj katenis ŝin; la forto de lia personeco dronigis ŝiajn protestojn, regis ŝin, hipnotis ŝin.

„Vi devas forlasi lin," diris la subpastro ordone.

„Forlasi Henrikon," ŝi ripetis ŝtonigita. „Ne, ne; kion ajn krom tio! Tio rompus al li la koron."

„Forlasu lin, mi diras," li denove ordonis.

„Sed kion mi povus fari? Kie mi povus vivi?"

„Kun mi," li respondis, venante pli proksime al ŝi. Kun siaj belaj okuloj pro teruro larĝaj, ŝi fortrenis sin de li, tremante.

„Venu," li murmuris petege. „Venu kun mi. Karulino! Vi vivos en vera Paradizo de ĝojo."

„Nenia peko sin trovas en Paradizo, Frank," ŝi murmuris. „Tio ĉi mortigas min — ho, ĝi mortigas min. La estonteco, la longaj, longaj jaroj!"

Inter ŝiaj pezaj ploroj, la subpastro aŭdetis la interrompitajn, kortuŝantajn vortojn.

„Ne ploru, Sybil," li diris dorlote, sentante nubiĝon ĉe siaj propraj okuloj. „Suprenrigardu, karulino."

Ŝi levis sin ĝis sida pozo, kaj rigardis lin tra siaj larmoj. Lia vizaĝo ŝajnis skulptita en ŝtono: nur la brulantaj okuloj ŝajnis vivantaj.

„Ĉu mi distranĉu la ligon?" li demandis per decidita tono. „Ĉu mi liberigu vin?"

„Kiel vi povas tion fari?" ŝi spirĝemis.

Li montris boteleton. „Per tio!" li kriis maldelikate. „Sendolora morto, Sybil!"

Ŝi estis ŝtonigita. „Ĉu li estis serioza? Kia estis tiu flamo en lia okulo? Ĉu ĝi estas signo de frenezo?"

Milton iris al la pordo kaj ŝlosis ĝin. Li staris momenton silente. Tiam li minacis ŝin — ŝin, la virineton adoratan laŭ lia aserto!

„Mi mortigos lin," li kriaĉis, „se vi ne venos kun mi hodiaŭ nokte!"

Ŝi sidis tremante, kun nervoj streĉitaj.

Li ekrigardis la horloĝon. „Mi permesos al vi kvin minutojn," li diris maldelikate. „Diru ‚jes', kaj vi vivos kiel neniam antaŭe. Se vi diros ‚ne' —" — li vidigis denove la boteleton.

Sybil sentis sin kiel tiu kaptito, kiu terurigite rigardadas murojn malrapide sin alproksimiĝantajn. Ŝia koro, baraktante kiel rivero inter mallarĝaj bordoj, preskaŭ sufokis ŝin per sia batado. La sango konfuze fluegis tra ŝia kapo. Svenemo ŝtelvenis al ŝi . . . ŝi neniel senfortiĝos . . . ne, neniel . . . Tra nebulo ŝi vidis la superombrantan figuron de la subpastro. Liaj okuloj, jen avide rigardantaj ŝiajn ĉarmojn, jen ekrigardantaj la horloĝon, ŝajnis dancantaj lummuŝoj en la mallumeto. Tiam ŝi senkonsciiĝis.

— — — — — — — — — — — — — —

(Finota.)

*Kun permeso de l' aŭtoro el la angla lingvo tradukis*
*W. W. Padfield (I. U. E. V.)*

## La nova lingvo Esperanto*).

De Dro Ernst Kliemke-Berlin.

Piaj pilgrimantoj, kiuj vizitas la sanktajn lokojn de la kristanaro en la Oriento, kutimas kunpreni hejmen iom da akvo el la rivero Jordan. Certe ne estas la sama akvo, en kiu Kristo sin baptigis, kaj ĝi ne estas alia, ol tiu, kiu torentas tra la Ganges aŭ fluas en la Spree aŭ la Themse. Se mastrino metus en unu kaldronon akvon el la Spree, kaj en alian kaldronon akvon el la Jordan kaj en ambaŭ kuirus por mi ovojn, neniu rimarkus diferencon inter la ovoj. Sed la pia pilgrimanto, kies akvon mi estus preninta por kuirado, verŝajne plendus pri malsanktigo, kaj se lia akvo estus forŝutata, li rigardus tion kiel nekompenseblan perdon. Kiom da rememoroj sin ligas ĝuste al tiu ĉi akvo! Parto de lia vivo kuniĝas kun ĝi, li ĉerpis ĝin el ĝia propra loko kaj kunportis ĝin hejmen de malproksima vojaĝo. Li ne rigardas ĝin, kiel la kuiristino, kiel iun akvon, sed por li ĝi estas ĝuste lia akvo el la Jordan.

Sama estas la rilato de Esperanto al la gepatraj lingvoj. Neniu lingvo en la mondo, ĝi estu eĉ la plej klara kaj plej pura, povas anstataŭi al ni nian gepatran lingvon; ĝin ni ĉerpis de la lipoj de la gepatroj, ĝi akompanis nin sur la ŝanĝoriĉa vojaĝo de la infaneco ĝis la maljuneco, en ĝiaj sonoj ni esprimis nian ĝojon kaj nian suferon, pli ol io alia ĝi estas parto de nia vivo. Ĉiu alia lingvo estas kontraŭ ĝi fremda lingvo. Se oni forrabus de ni la gepatran lingvon, ni kontraŭstarus per nia tuta forto, kaj estus egale al ni, ĉu oni trudus al ni la rusan, ĥinan, italan lingvojn aŭ Esperanton.

Laŭ tiu ĉi rilato Esperanto sin prezentas ne alimaniere, ol iu alia lingvo, sed oni ne bezonas timi ĝin tiom, kiom eble la lingvojn de mondonregantaj popoloj. Ja, se Esperanto estus tio, kio ĝi celas fariĝi: la dua lingvo por ĉiu apud la gepatra lingvo, ĝenerala helplingvo, kiu servas al interkompreniĝo ĉie, kie sin kontraŭstaras diversaj lingvoj, tiam neniu bezonus timi pro sia gepatra lingvo. Por interrilatoj kun samlingvanoj oni ne bezonas la helplingvon, kaj interrilatante kun aliaj, oni bezonas nek trudi al ili sian propran lingvon, nek meti sin en ilian lingvan jugon. La helpa lingvo estas fremda lingvo en sama maniero por ĉiuj, en ĝi neniu superas aŭ malsuperas la alian. Ĉar ĝi ne estas la gepatra lingvo de certa popolo, neniu politika aŭ ekonomia avido de potenco povas forpuŝi por ĝia privilegio la gepatrajn lingvojn de pli malfortaj popoloj.

Sed se mi povas rezervi kaj ŝirmi la Jordanakvon de mia gepatra lingvo malgraŭ la helplingvo, aŭ ofte ĝuste pro ĝia ekzistado, mi ne alportos kun grandaj kostoj kaj penoj la neĉesan akvon por kuirado kaj lavado el la malproksimeco, sed mi prenos kiel eble plej klaran kaj puran akvon el oportuna proksimeco. La Esperanta lingvo similas al tia pura akvo, kiu estas libera de ĉiuj almiksaĵoj, nenecesaj kaj malutilaj por la praktikaj celoj; per malmulte da kostoj kaj malfacilaĵoj oni povas ĝin posedi kaj facile uzi ĝin. Ĝi estas la *aqua destillata* de la internaciaj rilatoj.

„Pro tio ĝi ankaŭ estas tiel sengusta kaj neinteresa" diras kelkaj, kiuj ne konas ĝin.

Sed tia ĝi tute ne estas. Kio transiris en la eŭropan kulturon, kio fariĝis natura komuna posedaĵo de la plej multaj el la eŭropaj lingvoj, tio ankaŭ vivas en ĝi. Kaj ĉio estas tiel sprita, tiel genie kunigita por la praktikaj celoj, ke oni ĝojas pri tio kiel pri bela verko de la arĥitekturo. Kiu komparas Esperanton kun la aliaj lingvoj, tiu miras, kiel simpla povas esti lingvo, se ĝi estas libera de ĉiuj tiuj malregulaĵoj kaj kontraŭlogikaĵoj, de superfluaĵoj kaj mankoj, kiuj naskiĝis per la hazardoj de la natura evoluo. Kaj li miros pri la riĉeco de la esprimeblecoj, kiuj estas gajnitaj per tiom malmultaj, simplaj rimedoj. Tial la studo de Esperanto ankaŭ estas valora kaj ĝuplena eĉ por tiuj, kiuj ne kredas povi praktike uzi ĝin, kvankam la okazoj por tio plimultiĝas de tago al tago. Por ĉiu ĝi povas fariĝi fonto de plej riĉaj instigoj, kaj ju pli oni eniĝas en ĝin, des pli oni trovas. Rigardo, kiu nur trafas la supraĵon, ofte estas trompiga, kiel ĉe ĉiuj aferoj, tiel ankaŭ ĉe Esperanto. *Trad. Ek.*

*) Tiu ĉi sprita artikolo aperis germanlingve en *Allgemeiner Wegweiser*, Berlin, kiel enkonduko al la Esperanto-rubriko, kiun la nomita gazeto nun regule publikigas. (Komparu G. E. 2 A, p. 24.) Aŭtoro kaj redakcio afable permesis al ni la tradukon de la artikolo, pro kio ni al ambaŭ esprimas sinceran dankon. *Red.*

# Dialogo.

## Forvojaĝo.

He, fiakristo! Veturigu min al la ĉefstacidomo. Jen mia pakaĵo; lokigu ĝin bone, por ke ĝi ne defalu dum la veturo. Sed rapidu, ne plu estas multe da tempo antaŭ la foriro de la vagonaro.

Kiam la vagonaro foriras?

Je la 8a kaj 5 minutoj.

Nu, tiuokaze ni ankoraŭ havas sufiĉe da tempo; la veturo ĝis la stacidomo daŭras nur 10 minutojn. —

Bone, ni sufiĉe frue alvenis. Kiom mi devas pagi?

Unu Markon kaj sepdek pfenigojn, mi petas.

Jen estas 2 Markoj; la pliaj 30 pfenigoj estas trinkmono por vi.

Mi tre dankas, Sinjoro.

He, pakaĵisto, ĉu vi estas neokupita?

Jes, Sinjoro, mi estas je via dispono.

Do prenu mian pakaĵon de la fiakro kaj ekspedu ĝin per la vagonaro je la 8a kaj 5 minutoj al Basel. La bileton mi intertempe aĉetos kaj poste montros ĝin en la ekspedejo. Kie estas la biletejo?

Tie, Sinjoro, en la dekstra antaŭhalo.

Mi deziras bileton ĝis Basel, dua klaso, por rapidega vagonaro.

Jen, mi petas, ĝi kostas 45 Markojn, inkluzive alpagon por la rapidega vagonaro.

Pakaĵisto, jen estas mia bileto, bonvolu enmanigi al mi la formularon pri ekspedo. — Kiom mi devas pagi?

Entute 10 Markojn kaj 50 pfenigojn. — Dankon, Sinjoro.

Konduktoro, ĉu tiu ĉi estas la vagonaro al Basel?

Jes, vi povas uzi ĝin; sed en Frankfurt apud Main vi devas ŝanĝi la vagonaron, ĉar tiu ĉi poste veturas laŭ alia direkto. Kian klason?

La duan, por nefumantoj.

Mi petas, Sinjoro, jen estas malplena kupeo. Bonvolu montri vian bileton. — Dankon.

He, libristo, ĉu vi havas interesajn legaĵojn porvojaĝajn?

Jes, Sinjoro, bonvolu elekti. Jen estas moderna romano, jen historio pri antikvaj epokoj, jen leginda humora rakonto, jen gazetoj ktp.

Ĉu vi ne havas Esperantajn librojn?

Kompreneble! Jen kolekto de la Esperanta Biblioteko Internacia, po numero 20 pfenigojn.

Bone, donu al mi numerojn 12, 13 kaj 20. — Jen 60 pfenigoj.

## Abreise.

He, Kutscher! Fahren Sie mich nach dem Hauptbahnhof. Hier ist mein Gepäck; bringen Sie es gut unter, damit es während der Fahrt nicht herunterfällt. Aber beeilen Sie sich, es ist nicht mehr viel Zeit vor Abgang des Zuges.

Wann fährt der Zug?

Um 8 Uhr 5 Minuten.

Nun, dann haben wir noch Zeit genug; die Fahrt nach dem Bahnhof dauert nur 10 Minuten. —

Gut, wir sind früh genug angelangt. Wieviel habe ich zu zahlen?

Eine Mark siebzig, bitte.

Hier sind 2 Mark; die übrigen 30 Pfennig sind Trinkgeld für Sie.

Ich danke sehr, mein Herr.

He, Gepäckträger, sind Sie frei?

Ja, Herr, ich stehe zu Ihrer Verfügung.

Dann nehmen Sie mein Gepäck von der Droschke und expedieren es mit dem Zuge um 8 Uhr 5 nach Basel. Die Fahrkarte werde ich inzwischen lösen und sie nachher in der Gepäckabfertigung vorlegen. Wo ist der Fahrkartenschalter?

Dort, mein Herr, in der rechten Vorhalle.

Ich möchte eine Fahrkarte nach Basel, zweiter Klasse, Schnellzug.

Bitte, sie kostet 45 Mark, einschliesslich Schnellzugzuschlag.

Gepäckträger, hier ist meine Fahrkarte, wollen Sie mir bitte den Gepäckschein einhändigen. — Wieviel habe ich zu zahlen?

Im ganzen 10 Mark 50 Pfennig. — Danke, Herr.

Schaffner, ist dies der Zug nach Basel?

Ja, Sie können ihn benutzen, aber in Frankfurt a. M. müssen Sie umsteigen, weil dieser Zug nachher in anderer Richtung weiterfährt. Welche Klasse?

Zweite, Nichtraucher.

Bitte, mein Herr, hier ist ein leeres Abteil. Wollen Sie bitte Ihre Fahrkarte erlauben. — Danke.

He, Buchhändler, haben Sie interessante Reiselektüre?

Ja, Herr, wollen Sie bitte wählen. Hier ist ein moderner Roman, hier eine Geschichte über alte Zeiten, hier eine lesenswerte humoristische Erzählung, hier Zeitungen usw.

Haben Sie keine Esperanto-Bücher?

Selbstverständlich! Hier eine Sammlung der „Esperanta Biblioteko Internacia", pro Nummer 20 Pfennig.

Gut, geben Sie mir die Nummern 12, 13 und 20. — Hier sind 60 Pfennig.

# Korespondo.*)

## Konsilo al konatulo pro vana aspirado al ofico.

. . . ., la 8an de Majo 1912.

Estimata Sinjoro A.!

Kun sincera bedaŭro mi devas sciigi al vi, ke la ofico, je kiu vi klopodis, estas fordonita al alia persono. Ĉar mi estas plene informita pri via situacio, mi volonte estus dezirinta al vi la esperitan sukceson, sed ne malesperu pro la malsukceso de via klopodo. Se vi tre trankvile pripensas la aferon, vi certe venos kun mi al la konkludo, ke vi evitis tre streĉan kaj laŭ multa rilato malagrablan pozicion. Kompare al tio vi nuntempe vivas en tute elportebla situacio. Nenio estas pli malagrabla por la reputacio de juna homo, ol se li ne sentas sin hejma en apenaŭ okupita ofico kaj pro tio deziras, ĝin baldaŭ denove ŝanĝi. Do vi facile povas vin konsoli kaj atendi pli bonan okazon, kiu certe baldaŭ venos, ĉar viaj multflankaj scioj kaj talentoj, kiuj ne estas nekonataj al viaj multaj kaj influriĉaj amikoj, vin ĉie rekomendas.

Do, unuavice fidu al vi mem kaj plue al la estonteco, kaj akceptu de mi la certigon, ke mi ĉiam montros min kiel

via favora kaj sindona
N. N.

## Trost an einen Bekannten wegen vergeblicher Bewerbung um eine Stelle.

. . . ., den 8. Mai 1912.

Geehrter Herr A.!

Zu meinem aufrichtigen Bedauern muss ich Ihnen mitteilen, dass die Stelle, um die Sie sich bemühten, anderweitig verliehen wurde. Da ich mit Ihrer Lage vollständig vertraut bin, hätte ich Ihnen gern den erhofften Erfolg gewünscht, indessen lassen Sie sich durch das Misslingen Ihres Schrittes nicht ausser Fassung bringen. Wenn Sie die Sache recht ruhig erwägen, so werden Sie mit mir zu der Einsicht gelangen, dass Sie doch einer sehr anstrengenden und in vieler Hinsicht unangenehmen Stellung entgangen sind. Im Vergleich hiermit leben Sie doch gegenwärtig in ganz erträglichen Verhältnissen. Es ist aber für den Ruf eines jungen Mannes nichts unangenehmer, als wenn er sich in einer kaum angetretenen Stelle nicht heimisch fühlt und daher dieselbe schon alsbald wieder zu vertauschen sucht. Sie können sich also leicht trösten und ruhig eine bessere Gelegenheit abwarten, die sicher nicht lange auf sich warten lassen wird, da Ihre allseitigen Kenntnisse und Talente, die Ihren zahlreichen und einflussreichen Freunden nicht unbekannt sind, Sie überall empfehlen.

Vertrauen Sie also in erster Reihe sich selbst und dann der Zukunft, und nehmen Sie von mir die Versicherung, dass ich mich stets erweisen werde als

Ihren wohlwollenden und ergebenen
N. N.

---

# La ŝuoj.

Rakonto de Fritz Baer.

Kiam Adam kaj Eva estis forpelitaj el la Paradizo, komenciĝis la mizero. Ĉie montriĝis mankoj, ne estis tajloro nek ŝuisto, kaj tamen subite aperis la bezonoj, kiujn ili ne konis en la Paradizo. Dio faris ja por ili sufiĉe taŭgajn antaŭtuketojn por la plejneceso, sed pri ŝuoj kaj ŝtrumpoj li ne zorgis.

Nu kaj la supraĵo de l' tero en la Paradizo estis ja glata kaj ebena, ĉiu vojo kovrita per delikatega sablo, sed tie ĉi ekstere ne ekzistis vojoj, nur ŝtonaj kampoj, kaj baldaŭ komencis dolori kaj sangadi la piedoj de ili ambaŭ. Tion vidis la serpento, kiu kun tiom da plezuro estis vidanta ilian elpelon el la Paradizo — ĉar laŭ ĝia opinio ili vivis tie tro agrable — kaj ĝi pensis: Mi ne volas esti malpli bona ol Dio; se li faris al ili vesteton, de mi ili do ricevu ŝuojn.

Tial ĝi elrampis el post arbetaĵo, okulumis afable ilin du, sidiĝintajn pro pieddoloro sur ŝtonon, kaj diris:

# Die Schuhe.

Geschichte von Fritz Baer.

Als Adam und Eva aus dem Paradies vertrieben waren, da ging das Elend an. Es fehlte überall, es gab keinen Schneider und keinen Schuster, und doch waren nun plötzlich die Bedürfnisse da, welche sie im Paradies nicht gekannt hatten. Der liebe Gott hatte ihnen zwar leidliche Schürzlein gemacht für das Nötigste, aber an Schuhe und Strümpfe hatte er nicht gedacht.

Nun war der Boden im Paradiese schön glatt und eben gewesen und die Wege alle mit dem feinsten Sande bestreut, aber heraussen gab es keine Wege, sondern steiniges Land, und bald begannen den beiden die Füsse zu schmerzen und zu bluten. Das sah die Schlange, die mit so grossem Behagen die Vertreibung der beiden aus dem Paradiese mit angesehen hatte — denn es ging ihnen nach ihrer Meinung dort viel zu gut — und dachte: Ich will nicht hinter Gott zurückbleiben; hat er ihnen ein Röckchen gemacht, so sollen sie von mir Schuhe haben.

Sie kam also hinter einem Busch hervorgekrochen, blinzelte die beiden, welche sich vor Fussschmerzen auf einen Stein niedergelassen hatten, freundlich an und sagte:

*) Aus: M. Uebelacker, Deutscher Privat-Briefsteller, Friedrich Euler Verlag, Berlin W.

„Karuloj, ne estas bone, ke vi disvundas viajn piedojn sur la malglata tero, kaj ankaŭ ne estas necese; mi donos al vi ŝuojn."

Sed Adam kaj Eva ne volis priatenti la aĉan serpenton, kaj diris:

„Ni akceptas de ci nenion plu, ĉar je ĉio ja estas ci kulpa; se ni ne estus prenintaj cian pomon kaj el ĝi manĝintaj, ni estus ankoraŭ en la bela Paradizo; hu! kiom ni malvarmas kaj kiom doloras niaj piedoj!"

„Ĝuste tial vi bezonas ŝuojn," diris ree la serpento; „iru hejmen, tie vi trovos."

La du iris al sia malgranda dometo, kiun ili estis laŭpove kunĉarpentintaj. Sed kiam ili enpaŝis, staris tie belega paro da novaj botoj el brila ledo por Adam, kaj por Eva tiom ĉarma paro da ŝuoj, ke pli belan oni ne faris de tiam, kaj ke la okuloj de Eva tuj komencis briladi.

„Ha," ŝi diris al Adam, „rigardu jen la ĉarmajn ŝuetojn, mi tuj survestos ilin."

„Ne," diris Adam, „tion ni ne faros, ĉar ili devenas de la serpento, kaj unufoje tiu jam trompis nin."

„Sensencaĵo!" diris Eva, „ŝuojn ni ja tamen bezonas, kaj pli belajn kaj bonajn ni ne povas akiri. Rigardu nur viajn belegajn botojn! Nun ni ne plu bezonos toleri la dolorojn. Mi kredas, ke la serpento per tio volis ĉion rebonigi."

Sed Adam diris denove: „Nenion mi volas akcepti de la serpento!"

Tiam Eva rapide surprenis siajn novajn ŝuojn kaj komencis danci antaŭ Adam, kaj poste ŝi ĉirkaŭkuris la dometon kaj kriis senĉese: „Ho la bonegaj ŝuoj!" Adam postrigardis ŝin, kaj jen li denove rigardis al siaj novaj botoj kaj pensis: Nu, unu solan fojon oni ja povas ĝin provi! kaj li survestis la botojn.

Tiam li fakte sentis sin multe pli bone kaj povis iri kune kun Eva, kien ajn ili volis, kaj iliaj piedoj tute ne doloris plu, kaj de post tio ili povis senĝene iradi sur malbonaj vojoj kaj apenaŭ ĝin rimarkis.

Nu ĝuste tion estis ja celinta la serpento.

*Trad. Lr.*

„Meine Lieben, es ist nicht gut, dass ihr euch auf dem rauhen Boden die Füsse zerschindet, ist auch gar nicht notwendig; ich will euch Schuhe geben."

Adam und Eva aber wollten von der garstigen Schlange nichts wissen, sondern sagten:

„Wir nehmen nichts mehr von dir, denn du bist doch an allem schuld; hätten wir deinen Apfel nicht genommen und von ihm gegessen, so wären wir noch im schönen Paradiese; hu! wie friert uns und wie tun uns die Füsse weh!"

„Eben darum braucht ihr Schuhe," sagte die Schlange wieder; „geht nur nach Hause, ihr werdet dort welche finden."

Die beiden wandten sich nach ihrer kleinen Hütte, die sie sich notdürftig zusammengezimmert hatten. Als sie dieselbe aber betraten, stand da ein wunderschönes neues Paar Stiefel für Adam von glänzendem Leder und für Eva ein so reizendes Paar Stiefletten, dass seitdem kein schöneres gemacht wurde und der Eva sofort die Augen zu glänzen begannen.

„Ach," sagte sie zu Adam, „sieh nur die reizenden Schuhe, ich will sie gleich anziehen."

„Nein," sagte Adam, „das tun wir nicht, denn sie sind von der Schlange, und die hat uns schon einmal betrogen."

„Ach was," sagte Eva, „wir müssen doch Schuhe haben, und schönere und bessere können wir nicht bekommen. Sieh nur deine prachtvollen Stiefel an! Nun brauchen wir keine Schmerzen mehr zu leiden. Ich glaube, die Schlange hat alles damit gutmachen wollen."

Adam aber sagte noch einmal: „Ich will aber nichts von der Schlange!"

Da fuhr Eva geschwind in ihre neuen Stiefletten und begann vor Adam zu tanzen, und dann lief sie um die Hütte herum und rief immer: „Ach die köstlichen Schuhe!" Adam sah ihr nach, und dann sah er wieder auf seine neuen Stiefel und dachte: Nun, einmal versuchen kann man es ja! und fuhr in die Stiefel.

Da fühlte er sich auch bedeutend wohler und konnte nun mit Eva hingehen, wo sie wollten, und die Füsse taten gar nicht mehr weh, und sie konnten von da an ruhig auf schlechten Wegen gehen und merkten es kaum.

Das hatte aber die Schlange gewollt.

---

## Kion infanoj diras kaj demandas.

Didi skribas dezirliston al la kristinfano: Mi petas, kara kristinfano, donacu al mi ankaŭ novajn ĉemizetojn. „Ĉu tio ne estas afablaĵo de mi, panjo," ŝi diras, „ke mi deziras ĉemizetojn de la kristinfano?" „Nu, kial do?" demandas la patrino. „Ho panjo, tiam vi ja ne bezonos kudri ilin por mi."

*Tradukis Fridolin.*

## Was Kinder sagen und fragen.

Didi schreibt einen Wunschzettel ans Christkindle: Bitte, liebes Christkindle, bringe mir auch neue Hemdchen. „Ist das nicht lieb von mir, Mama," sagt sie, „dass ich mir Hemdchen vom Christkindchen wünsche?" „Ja, warum denn," fragt die Mama. „Ach, Mutti, dann brauchst du sie mir doch nicht zu nähen."

*Entnommen aus „Was Kinder sagen und fragen".*
*Gesammelt von einer Grossmama.*
*Verlag R. Piper & Co., München.*

# El la vivo kaj sciencoj.

## Bona konsilo.

### Ne donu donacojn sub iu kondiĉo.

Se vi volas vere ĝojiĝi, transdonu donacojn ne kun „sed". Ĉiu „sed" estas maliluzio je la ĝojo de la pridonacito kaj malpliigas la valoron de via donaco, ĉar la pridonacito rimarkas, ke vi donas kun certa intenco kaj ne kun la koro. Kaj vi trompas vin mem kaj aliajn, se vi, sub la impreso de ĝojaj eksentoj, donigas al vi promesojn, pri kiuj poste la alia eble pentos. Se vi donas donacojn sen iu rezervo, vi povas varmiĝi pri la pura ĝojo de la pridonacito.

*O. Kaube, Chemnitz.*

*Laŭ „Allgemeiner Wegweiser".*

## Respubliko de infanoj en Anglujo.

En malgranda vilaĝo de la distrikto Dorsetshire estas starigata originala entrepreno, kiu ĝis nun estas novaĵo por la „malnova mondo", kaj kiu estas imitaĵo de amerika ekzemplo: respubliko de infanoj. Konata filantropo el London, S-ro Georges Montagu, kompleze disponigis por tiu ĉi provo sian grandan bienon, kaj tie nun devas stariĝi reala infana ŝtato, sociala socio de knaboj kaj knabinoj, kiuj mem kaj memstare regas sian komunumon, mem donas al si leĝojn kaj ankaŭ mem organizas sian laboron. La infana respubliko de Dorset estas en siaj ĉefaj punktoj imitaĵo de la amerika respubliko de infanoj de „Georges Junior" en Freewill.

Unue estas akceptataj en tiu ĉi entrepreno proksimume 80 infanoj, knaboj kaj knabinoj. Oni intencas precipe elekti infanojn, kiuj devenas el la London'aj „*Slumps*", t. e. la kvartaloj de la plejmalriĉuloj, kaj ankaŭ knabojn kaj knabinojn, kiuj sekve de malzorga edukado venis en konfliktojn kun la juĝistaro por junuloj. Tie, en libereco, kiu tamen estas fondita sur komuneco, la infanoj havos okazon fariĝi bonaj civitanoj, ili devas ekkoni en la praktiko, ke homa societo nur povas esti konstruita sur reciprokeco, sur la honora sento kaj devokonscio de siaj anoj kaj sur la sento pri la respondeco, kiun ĉiu havas ne nur por si mem, sed nerekte ankaŭ por la tuta societo. Unu el la fundamentaj leĝoj de tiu ĉi infana ŝtato estos la simpla frazo: „Sen laboro nenia manĝo"; cetere la infanoj ĝuste per libereco kaj memstareco devas lerni, ke nur bone organizita administracio kaj certigita juĝado ebligas la prosperon de ŝtato. La anoj de la respubliko de junuloj elektos sian prezidanton, samaĝan kamaradon, kaj ĉe la regado kaj administrado de sia propra ŝtato ili lernos sin mem regi, por tiel poste fariĝi bonaj burĝoj. La spertoj, kiujn la amerikanoj faris pri sia respubliko de junuloj, estas tiel eksterordinare bonaj, ke la entreprenantoj de la angla infana ŝtato konfide povas rigardi en la estontecon. En Freewill ekzemple la ideo, ke mensogo estas abomeninda, tiel enradikiĝis en la konscio de la infanoj, ke malveraĵoj kaj malkonfesoj apartenas al la plej maloftaj esceptoj. Ĉiu sola el tiuj junaj burĝoj konsideras ĝin evidente komprenebla, esti responda pri siaj agoj kaj en okazo de malkorektaĵo malkaŝe konfesi la faritan kulpon. — Tiuj ĉi respublikoj de infanoj sendube estas granda kaj imitinda antaŭenpaŝo sur la kampo de la zorgado pri junuloj.

*Laŭ „Berliner Morgenpost".*

## Kuriozaĵoj pri la gaslumado en Germanujo.

Cent jaroj nun pasis, de kiam en Germanujo ekzistas la gaslumado. En la jaro 1812 lumigis la ferfareja fakulo, profesoro Lampadius el Freiberg, la ĉambrojn de sia domo la unuan fojon per gaso. Cetere estas malmulte konate, ke jam en la fino de la 17a jarcento germano produktis gason el ŝtonkarbo kaj uzis ĝin por la lumigado de siaj studoĉambro kaj laborejo. Estis la ĥemiisto, medicinisto kaj nacia ekonomo Johann Joachim Becker, ĉefkuracisto de la princa episkopo de Mainz. Sed, pro la tiama izoliteco de la sciencistaro, la afero ne transpasis la limojn de la laborejo kaj pereis kun la morto de Becker. Sed ankaŭ en la 19a jarcento la gaslumado nur tre malfacile povis progresi. Certe la duko Karl August de Weimar kaj Goethe interesiĝis pri la nova lumigado de la urboj, sed la opozicio estis granda, kaj ĝi laŭtigis la plej strangajn kontraŭdirojn. En la numero de la 28a de Marto 1819 de *Kölnische Zeitung* estas publikigitaj la sep sekvantaj gravegaj kontraŭdiroj:

1. Teologia: La gaslumo renversus la planon de la mondo, kiu antaŭzorgis pri la nokta mallumeco. — 2. Medicina: La haladzoj de la gaso estus danĝeraj, krom tio la hela lumigado dum la vespero instigus la homojn al pli longa restado sur la strato kaj pro tio sekvigus plimultiĝon de la malvarmumaj malsanoj. — 3. Jura: La gaslumado devus esti pagata el publikaj monrimedoj, tiel ke ankaŭ devus kunpagi la kostojn tiuj personoj, kiuj ne deziras gaslumadon. — 4. Morala: La timo pro la mallumeco, kiu kelkajn malfortulojn protektas kontraŭ la peko, malaperus kaj drinkemo kaj malĉasteco estus akcelataj. — 5. Polica: La ĉevaloj estus timigataj kaj la ŝtelistoj kuraĝigataj. — 6. Ekonomia: Grandaj monsumoj irus ĉiujare en la eksterlandon. — 7. Populara: La efiko de la festa iluminacio je

naciaj festotagoj estus malfortigata per la ĉiutaga kvazaŭ-iluminacio.

Sed ŝajnas, ke la konvinka forto de tiuj ĉi kontraŭdiroj ne estis tre granda, ĉar ili ne povis haltigi la venkon de la gaslumado.

Saman aferon oni povas observi ĉe preskaŭ ĉiuj novaj elpensaĵoj; unu el la plej trafaj ekzemploj estas la argumentado de antaŭjuĝantoj kontraŭ la enkonduko de Esperanto. Sed ankaŭ ili estos venkataj, kaj niaj posteuloj same ridos pri la „saĝaĵoj" de la nuntempaj kontraŭuloj de Esperanto, kiel oni nun sin amuzas pri la supre cititaj argumentoj kontraŭ la gaslumado.

## Kontrabandaj hundoj.

Estis antaŭvideble, ke kiam oni havos la ideon uzi la instinkton de l' hundo por servi la policon, la malbonfarantoj ĝin ankaŭ volos uzi por siaj celoj. Kaj tiel la plej bona amiko de l' homo estas dresita por trompado.

La „*Financiere*" — organo de la italaj doganistoj — sciigas nin, ke la hundo estas valora helpanto de la kontrabandistoj sur la ital-svisa landlimo, kaj ĝi klarigas, kiel oni dresas ĝin por tiu malbela metio.

Oni prenas hundojn, kiuj estis edukitaj, bone flegitaj kaj nutritaj en itala farmdomo. Oni ilin kondukas sur svisan teritorion, kie oni ilin enfermas en domaĉon, kaj ilin malsatigas. De tempo al tempo ili estas turmentitaj kaj forpelitaj de viro vestita kiel itala doganisto. Tiu ĉi eĉ pafas sur ilin per pafiloj ŝargitaj per salo.

Kiam la kompatindaj bestoj estis tiel turmentataj dum kelka tempo, oni ilin liberigas; ili tuj forkuregas kaj returniĝas al la itala farmdomo. Se ili vidas doganiston, de malproksime, ĉar ili konservis teruran rememoron pri sia turmentinto, ili zorgeme evitas lin. La hundoj montras nekredeblan lertecon por eltrovi vojojn, per kiuj ili transiras la landlimon, for de ĉiu doganisto. Kiam ili alvenas Italujon, oni ilin bone akceptas, nutras kaj karesas, kaj la eksperimento rekomenciĝas.

Kiam la hundoj estas bone dresitaj, oni sendas ilin de Svisujo al Italujo, liginte sur ilia dorso puntojn, tabakon, poŝhorloĝojn aŭ aliajn kontrabandaĵojn.

## Respondo.

*(La unua nombro montras la numeron de la koncerna demando kaj la dua la paĝon de G. E., sur kiu la demando troviĝas.)*

### 7 (61). Pri skribmaŝinoj.

La ideo, konstrui maŝinon „por skribi", naskiĝis en Ameriko, sed ankaŭ en aliaj landoj oni faris sammanierajn provojn. La historio pri skribmaŝinoj ne estas tre juna: jam en la jaro 1714 la anglo Henry Hills ricevis patenton por elpensita de li skribmaŝino, sed tiu elpensaĵo ne trovis ĝeneralan atenton, kaj pro tio la ideo mem „ekdormis". Tre longa tempo pasis: ne pli frue ol post 115 jaroj, en la jaro 1829, oni aŭdis pri sammaniera elpensaĵo, kiun faris William Austin Burt en Ameriko; 1833 oni konstruis skribmaŝinon en Francujo. 1843 ricevis Charles Thruber en Worcester (Ameriko) patenton por skribmaŝino, sed ankaŭ tiu elpensaĵo restis neuzata. La franco Pierre konstruis en la jaro 1849 maŝinon, per kiu oni povis fari la porblindulan skribon; tiu maŝino kaŭzis gravan atenton en la ekspozicio de London 1851, kaj oni eĉ vendis kelkajn ekzemplerojn de tiu maŝino al eŭropaj blindulaj institutoj. — Sed la tuta sukceso ne estis tre grava. Pli gravan sukceson havis pastro Malling Hansen en Kopenhagen, kiu (ĉu en la jaro 1869?) konstruis aparaton por skribi, nomitan „skribglobo". Hansen destinis tiun aparaton unuavice por la uzo de blinduloj, sed oni uzis la maŝineton ankaŭ multfoje por komerca korespondado, ekzemple en Hamburg.

1855 ricevis la anglo Alfred Beach patenton por skribmaŝino, ĉe kiu li jam aplikis stangetojn por la tipoj. Pri tiu elpensaĵo sciiĝis Charles Glidden en Milwaukee (Ameriko), kiu okupiĝis pri la elpensaĵo de plibonigita plugilo. Li laboris en laborejo, en kiu konstruis du presistoj, C. Latham Sholes kaj S. W. Soulé, maŝineton, per kiu oni povis presi la numerojn de la libraj folioj, la seriajn numerojn de la bankbiletoj ktp. Glidden esperis trovi en la du kunuloj kunlaborantojn por la nova ideo de skribmaŝino kaj demandis, ĉu oni ne povus konstrui sammanieran maŝinon por skribi literojn kaj vortojn. Nun oni havis la komencon de la elpensado de skribmaŝino. La trio laboris tre diligente, kaj post ses monatoj la nova maŝino estis konstruita. En aŭtuno de l' jaro 1867 ricevis la trio patenton, kaj post tio oni skribis per la nova maŝino leterojn, por dissendi ilin al riĉuloj, kiujn oni volis gajni por la fabrikado de la nova maŝino. — Tiu nova maŝino venis al la armilfarejo de la firmo Remington & Sons, kie ĝi estis fabrikata pogrande. Ĝi ricevis la nomon de la fabrikintoj. Laŭ tio oni povas diri, ke la maŝino de la trio Glidden-Sholes-Soulé estis la unua uzebla skribmaŝino.

Sed la unuan modernan skribmaŝinon kun ĉiam videbla skribo elpensis la germano Franz Xaver Wagner: ĝi estas la ĉie konata maŝino „Underwood".

*K. Wallon, Frankfurt a. M. — S, 10.*

## Demando.

9. Ĉu per prudenta gimnastikado nature malforta homo povas sin plifortigi? Kiu gimnastika sistemo estas tiucele la plej efika kaj bona? Ĉu la sistemo de Müller estas bona? Ĉu iu povas rekomendi gimnastikistan germanlingvan ĵurnalon kaj ties adreson? *B.*

# Pedagogia fako

### 5. Pri participoj adverbaj.

En „Fundamenta Krestomatio" mi legas jenajn frazojn: *Ili iris kaj tenis la manojn eltirite en la aero. — Li sidiĝis manĝeti, kaj, lavetante salan*

*fiŝon en la akvo de la rivero, li eksentis tre agrablan odoron.* — Kial staras tie ĉe la du participoj adverba kaj ne adjektiva formo? *E. B.*

La uzo de la adverbo respondas ankaŭ ĉi tie al la ĝenerala uzmaniero; nome la adverbo montras la rilaton, kiu respondas al la demandoj *kiel, kie, kiam, kial, kiom?* — La adjektivo atributa respondas ĉiam al la demando *kia* aŭ *kiu?* En la supraj ekzemploj oni demandos:

Kiel (en kia situacio) ili tenis la manojn? Se mi dirus: „Ili tenis la manojn eltiritajn", la senco tuj estus ŝanĝita, kaj oni devus demandi: Kiajn manojn ili tenis? Tio estas certe ne la celita senco. — Same en la dua okazo: Kiam li eksentis agrablan odoron? Dum li lavetis = lavetante. Oni ne demandas: Kia viro eksentis odoron? Lavetanta. — Sekve la adverbo estas nepre ĝuste aplikita, kaj ne anstataŭebla per la adjektiva formo.

En dubaj okazoj mi konsilas cetere, kompletigi la duban participon je frazo, kaj tiam oni ricevos aŭ frazon enkondukitan per dum, post kiam, sekve de tio, per tio, ĉar, por, kaj similan adverbkarakteran frazon, aŭ simplan relativfrazon, enkondukatan per *kiu*; en la unua okazo adverbo estas uzota, en la dua adjektivo.

## Diversaĵoj

### Komuniko.

Bedaŭrinde ni devas sciigi al la antaŭmendintoj kaj al ĉiuj, kiuj atendis la libron, ke la

**Listo de la tutmondaj asocioj, grupoj kaj entreprenoj esperantistaj (dua parto de la Esperantista Poŝkalendaro por 1912)**

ne aperos pro la jena kaŭzo:

En la lasta momento, kiam la plena, de Sinjoro Dro Schramm pene kolektita materialo de la listo jam estis preta por kompostado, la direktoro de U. E. A. malpermesis al ni la publikigon de la adresoj de la Delegitoj ktp. de U. E. A., sen kiuj nia listo ne estus kompleta kaj ne plenumus sian celon.

Ni bedaŭras la decidon de U. E. A. des pli, ke ni de post la ekzistado de la Asocio ĉiel apogis kaj helpis ĝin. En la pasintaj jaroj U. E. A. senkondiĉe permesis la publikigon de siaj reprezentantoj en nia poŝkalendaro, ĉar ĝi bone ekkonis la valoran propagandon, per tio faritan por U. E. A. De nun niaj adresaroj ĉesos aperi.

*Esperanto Verlag Möller & Borel.*

### Konkurso de „Deutsche Warte".

La prokrastita konkurso por esperantistoj nun estas publikigita en „Esperanto-Warte", aldono al la numeroj de la 19a nuna de Deutsche Warte. Ni insiste atentigas niajn germanajn legantojn pri la grava konkurso, por kiu estas destinitaj valoraj monpremioj (unua premio 100 Markoj). Kiu volas partopreni la konkurson, kaj ne estas abonanto de D. W., venigu al si la supre cititan numeron, kontraŭ alsendo de 0,10 M., de la eldonejo de Deutsche Warte, Berlin SW. 48, Friedrichstr. 240/41.

## Bibliografio

*Ĉiuj libroj markitaj per steleto estas riceveblaj per:*
*(alle mit Sternchen versehenen Bücher sind erhältlich durch:)*
***Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin SW. 68, Lindenstrasse 18/19.***

Tie ĉi ni nur recenzas verkojn, duoble ricevitajn.

***Historio, unua apero kaj disvastiĝo de la Ex-libris'oj.** De grafo Emilo Budan. Tradukis A. Tellini. — Esperanto-Oficejo, Bologna. 0,500 Sm.

Interesa libreto pri la supra temo, liveranta historiajn detalojn pri la ex-libris'oj; la klarigojn, verkitajn en sufiĉe bona Esperanto, sekvas kaj kompletigas belaj reproduktoj de kelkaj „ex-libris" folioj. Inter ili ni vidas ankaŭ tiun de l' tradukinto, surhavantan kompreneble la Esperantan stelon. Kolektantoj de tiaspecaĵoj nepre aĉetu la kajeron. *Lr. (I. U. E. V.)*

*

**Portreto.** Rakonto de N. V. Gogol. El la rusa lingvo tradukis Dro Andreo Fiŝer. — Presa Esperantista Societo, Paris. 0,625 Sm.

Vidante la nomon de S-ro Fiŝer sur libro, ni povas esti certaj, trovi sub la kovrilo ion legindan; ne nur la verko elektita por la traduko, sed ankaŭ la traduko mem kontentigos nin. Ankaŭ ĉi tie la esperoj ne trompas nin; Portreto estas tre interesa, tre arta kaj trafa specimeno de rusa literaturo. Gogol cetere ne estas fremdulo en Esperantujo.

La traduko, ĉu eble tion diri, iomete seniluziigis min. Ne tial, ĉar ĝi ne estas tre bona; sed ĉar mi atendis ion bonegan. — Al tiuj, kiuj legas verkon pro ĝi mem, kiuj volas koni la aŭtoron, kaj samtempe legi ĝenerale bonan stilon esperantan, mi povas sincere rekomendi la libron; sed kiu, kiel mi, legas esperantaĵon de fama tradukanto pro la stilo mem, kiu volas ĝui la subtilajn belecojn de l' klasika stilo esperanta, kiu scias ĝoji pri trafa esprimo aŭ lerta parolturno kaj admiri la ĉiam pli firmiĝantan stilon pure esperantan, tiu ne povos kontentigi sian malsaton. — Kiel mi diris, ĝenerale la stilo estas tre bona; kaj meze de plezura lego haltigas nin jenaj strangaĵoj: Li igis sin senvesti . . .; sed vi estas malpacienca: vin allogas sole io ajn, sole ion ajn vi ekŝatas; trempinte spongon en akvo, li kelke da fojojn ĝin suririgis sur la portreto; la ronkado mem de Nikita ne forpeladis lian timon (eĉ la ronkado); li konjektis jene: „ĉu eble ankoraŭ nun iu ajn avo postlasis al sia nepo donacon . . .?"; komplimento vekigis lin; li enprofundiĝis en laboron kaj okupojn, de renio distratajn; al li ekis ŝajniĝi la okuloj de la portreto; homarsedimento (eble subaĵo, balaaĵo de l'homaro); aflikteco (?); li instalis min en la akademion; profunda saĝo en la okuloj de la Diido, kvazaŭ jam ion providanta (?) en malproksimo; same granda ol;

dum tutaj dekkvin jaroj al mi ne okazis renkonti ion ajn eĉ iom similan je priskribo, farita de mia patro. — Krom tio ni vidas strangan uzon de ek- kaj -ad-, ekz. li ekis rigardi, li adis pentri ktp.; mi ne volas kondamni tiun uzon, sed sisteme uzataj anstataŭ „komencis", „daŭrigis", tiuj vortoj tuŝas malagrable la leganton, kaj tiu sento „adas adi" sen „malado" ĝis la fino de la libro; plue ĝenis min la senĉesa uzado de iu ajn, ie ajn, iel ajn, ankaŭ tie, kie la uzado de „ajn" ne nur estas nebezonata, sed eĉ kontraŭsenca; mi persone ŝatas uzi „ajn" nur post k-korelativo. — Fine oni povas konstati strangan ŝanceliĝon ĉe la uzado de iĝi kaj igi, fiksitan al neniu regulo aŭ kutimo.

Se mi nun fine tamen sincere rekomendas la libron al ĉiu literaturamanto, tio montras nur, ke, danko estu al Dío, ne ankoraŭ ĉiuj estas tiaj pedantuloj kiel mi, kaj la plejmulto preterpasas la kelkajn rokpintojn de la cetere trankvila maro, al kiuj mia boato ĉiufoje alpuŝiĝis. *Lr. (I. U. E. V.)*

# Por lertuloj

## Enigmoj kaj problemoj.

**No. 13. Pentekosta ĉevalira problemo.**

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| eĉ | o | as | kaj | vok | edz | ja |
| sent | vin | al | en | vin | la | as |
| Ter | o | taŭ | cept | fest | la | iĝ |
| as | ak | a | ĉarm | te | vin | hom |
| nest | an | pen | o | os | a | bird |
| ni | tend | vin | kost | a | o | ven |
| o | la | jam | ĝoj | o | o | vest |
| a | e | best | en | o | u | flor |

*Nolte.*

**No. 14.**

Kunmiksu pronomon, nombron kaj parton de l'homa korpo; se vi faras tion laŭ ĝusta recepto, vi ricevos ĉieldirekton. *Kobo.*

**No. 15.**

La unua estas prepozicio,
La dua la komenco de ĉia scio,
La tria estas participo,
La tuto estas grava persono ĉe esperantistaj kongresoj.
*W. Daum.*

En la venonta numero de eldono B ni publikiĝos la solvojn de la ĉi-supraj problemoj; la legantoj bonvolu sendi la solvojn, **skribitajn nur sur poŝtkarto sen iu alia komuniko,** ĝis la 5a de l' venonta monato. Tri el la solvontoj ricevos libropremiojn.

## Solvoj el la antaŭa kajero.

**No. 10.**

Monopolo.

**No. 11.**

La poezio estas la dimanĉa vesto de niaj pensoj.

**No. 12.**

Plando, planto, planko.

**Ĝustajn solvojn sendis:**

a) de ĉiuj numeroj: Prof. Rem. Antoniolli, Levico, Trentino; referendario Arntz, Godesberg; J. Bacquet, Piken par Guines; Gustav Balbig, Reichenau (Saksujo); F-ino Katharina Bock, Neukölln; Valentin Brauch, Gommersheim; Richard Brüggemann, Berlin; C. A. W. van der Corput, Charlottenburg; Wally Cuno, Königsberg (Prusujo); Wilhelm Daum, stud. phil., Gommersheim; Karl Decker, Gommersheim; Emil Dombrowski, instruisto, Neukölln; Maria Dreesbach, Godesberg; Jakob Dreifuss, Gommersheim; Marie v. Ganahl, Kufstein (Tirolujo); A. Ivanickij, St. Petersburg; Em. Krafczyk, Breslau; E. Momber, Oberdollendorf; Henryk Münch, Charlottenburg; Jos. Münsterer, jurpraktikanto, Passau; A. Neitzel, Hannover; F-ino Hildegard Nickel, Potsdam; F-ino Schlesinger, Breslau; F-ino A. Maschke, Dresden; Albert Schmieder, Dresden; Otto Strutz, Stettin-Bredow; W. Wittbrodt, instruisto, Neukölln; Ziemann, juĝsekretario, Gnesen.

b) de du numeroj: Adam Bartodziej, Stephanshain (apud Gross-Strehlitz); F-ino Henny Drückhammer, Lübeck; Carl Handrich, Hellerau-Dresden; F-ino Margarete Lachmund, Leisnig (Saksujo); Heinrich Pfaff, Worms; J. Schmalzl, Augsburg; Gustav Striese, tramvojisto, Dresden.

c) de unu numero: F-ino Maria Bartholomé, Essen (Ruhr); F. Liedtke, ŝparkaskontrolisto, Tuchel; J. Reinsch, Dresden.

*

La premioj estas gajnitaj per loto de: S-ro Gustav Balbig, Reichenau (Saksujo); S-ro Henryk Münch, Charlottenburg; S-ro W. Wittbrodt, Neukölln.

Fondinto: J. Borel; responda redaktoro: F. Ellersiek, ambaŭ en Berlin. — Esperanto Verlag Möller & Borel, Berlin.
Presejo de Möller & Borel, G. m. b. H., Berlin.